Hamburg Esperanto



4/1994

Aŭgusto/Septembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.




Foto: Hella Lanka

# Esperanto-Ŝtono ĉe Esperanto-Arbo

**Hamburg (ehh). Finfine post multaj jaroj, dum kiuj ne troviĝis taŭga ŝildo apud la fama Esperanto-Arbo en Hamburg–Horn, denove ekzistas ŝildo, eĉ pli granda ol la antaŭa, bele aranĝita sur natura ŝtono.**

Jam dum kelkaj jaroj la malnova ŝildeto apud la *Esperanto-Arbo* estis difektita de rusto kaj junulara petolemo. Hamburga Esperanto-Societo volis anstataŭigi ĝin; la nova ŝildo devus esti rezistema kontraŭ rusto kaj vandalismo. *D-ro Bodo Schneider* akiris la permeson de la urba administracio, starigi ŝtonon, sed la kostoj por efektivigi la planon estis tro altaj. Hazarde *Peggy Ley* eltrovis firmaon, kiu ofertis ŝtonon, ŝildon kaj starigon por neimageble malalta prezo. Komprerneble *HES* tuj kaptis la okazon kaj komisiis al *Peggy* la prizorgadon de la ŝtono.

***daŭrigo sur p. 3***

## Enhavo



**Esperanto – der bessere Schnack.**

## Editoraĵoj

**Eldonanto:** *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro:** *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto:** *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado:** *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 5/1994:**
**10 - 9 - 94**

## Sentenco

**Fromaĝo nur estas senkosta en muskaptilo.**

*N.N.*

## Akva damaĝo

**Hamburg (ehh). Kelkajn tagojn post la jubileo, dum forta pluvo, fluis akvo tra la tegmento de la Esperanto-Domo en la bibliotekon.**
Fakte la tuta tegmento jam devus esti renovigita, sed iel estis forgesita post la lasta prilaboro antaŭ kvar jaroj.
Ebenaj tegmentoj ĉiam kaŭzas problemojn; same tiu, kiu formas la plankon de la malantaŭa teraso.
Feliĉe ni rapide trovis metiiston, kiu povis rapide glui la malfiksiĝintan tegaĵon kaj bitumi la tutan tegmenton kaj la terasan tegaĵon. Havante metiiston en la domo, la prezidanto petis lin, instali novajn tubojn por pli bona ventolado de la kuirejo kaj la kunvenejo.

*Benno Klehr*

# Esperanto-Arbo

daŭrigo de p. 1

Pentekoste 1994, kiam *HES* festis 90-jaran jubileon, la nova ŝtono devus esti en sia loko. Fakte la ŝtono estis liverita sufiĉe frue — sed kia ŝoko — la liveristo nur ĵetis ĝin al la tero kaj ne aranĝis ĝin. Sekvis la dua ŝoko: La ŝildo ne estis bone fiksita — oni tuj ŝtelos ĝin! Do necesis reklamacio, kiun akceptis la ŝtonfirmao. Do la estraro ne miris, kiam membroj rakontis, ke la ŝtono malaperis. Ĝi estis en "postplibonigo". La firmao senkoste portis la ŝtonon tien kaj reen, bone fiksis la ŝildon kaj ĉirkaŭigis la memorŝtonon per ŝtonetoj el la sama ŝtonspeco. Tiel la *Esperanto-Arbo* ĝustatempe por la jubileo estis ornamita per nova ŝildo sur ŝtono, kiel la estraro estis planinta. Nun ĉio estas en ordo, kaj la ŝtono prezentas al la pasantoj la ŝildon kun Germanlingva surskribo:

LA INTERNACIA LINGVO
ESPERANTO
SUBTENAS LA INTERPOPOLAN KOMPRENIĜON
PLATANO DONACITA 29.12.1971
DE LA INTERNACIA JUNULARA SEMINARIO

*Benno Kiehr*

# Jubileo

**Hamburg (ehh). La 19an de Majo 1994 Hamburga Esperanto-Societo festis la 90-jariĝon de la Esperanto-movado en Hamburg. Jam unu semajnon antaŭe la kvartala gazeto raportis pri la planata jubileo, okaze de la starigo de la nova Esperanto-Ŝtono en parko en la sama kvartalo kie ankaŭ troviĝas la klubejo de Hamburga Esperanto-Societo, la Hamburga Esperanto-Domo.**

Jam matene je la deka horo la aktivuloj renkontiĝis por prepari la alvenon de la gastoj. Kiel la unuaj estis invititaj ĵurnalistoj je la 14a horo, sed bedaŭrinde nur venis po unu de *Horner Wochenblatt* kaj *Die Welt*. Ili estis bone prizorgitaj per informoj de *d-ro Werner Bormann* kaj *Jürgen Wulff*.

Feliĉe la nova kvarkolora varbfolio jam estis je dispono, ĉar *Gerd Tigges* kaj *Volker Kraeft* dum tiu mateno sukcesis alporti la unuajn ekzemplerojn el la presejo. Alia aktuala presaĵo estis la jubilea broŝuro, por kiu *Hella Lanka* kompilis la faktojn el la pasintaj 90 jaroj.

La biblioteko estis bele aranĝita de *Hannelore Brunow* kaj *Burkhard Mohrig*, kiuj prezentis la 4000 librojn kaj la komputoron. La ĵurnalistoj kaj la Esperantistaj gastoj el aliaj urboj estis ravitaj.

Iom poste *Elsbeth Wielgus* kaj *Peggy Ley* regalis la ĉeestantojn per lukulaj buterpanoj, kiuj estis danke kaj laŭde akceptitaj. Korpe refortigitaj, la gastoj povis rigardi ekspozicion pri la Hamburga Esperanto-historio kaj aŭskulti la klarigojn de *Frank Merla*, kiu ellaboris ĝin.

Antaŭ la posttagmeza kafo *Klaus Diekmann* kaj *Jürgen Wulff* veturigis interesitojn al la *Esperanto-Arbo*, por rigardi la novan ŝtonon. Estis vera surprizo por ĉiuj, kiam posttagmeze venis *Gertrud Bünemann*, filino de la iama prezidanto *Oscar B.* (†1958).

Vespere *Hamburga Esperanto-Societo* invitis al menuo laŭ regiona stilo, kiun ankaŭ preparis *Elsbeth* kaj *Peggy*. Granda laŭdo! Poste komenciĝis la festvespero kun salutvortoj de la prezidanto kaj gratuloj de aliaj kluboj kaj konatoj. Sekvis salutvortoj de *Fritz Wollenberg* (Berlin), *Elsbeth Bormann* (GEA), *d-ro Werner Bormann* (GIS) kaj la festprelego de *d-ro Wolfgang Schwarz* (Dresden). Muzika kulmino de la vespero estis la kantado Germanlingva kaj Esperanta de *s-ino Nagata* el Japanio.

*Benno Kiehr*

# NIA TERURA ENIGMO



**Pardonu**, ke mi ĝis nun ne publikigis la solvon de la enigmo el EHH 2/94. Mi ne forgesis ĝin, sed simple ne sufiĉis la spaco.
D. p. v. k. BK

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | | | | | | 12 | | 13 | |
| 14 | | | | | | 15 | | | |
| 16 | 17 | | | 18 | | | | | |
| 19 | | | | | 20 | 21 | | | |
| 22 | | | | | 23 | 24 | | | |
| 25 | 26 | | | 27 | 28 | | 29 | 30 | |
| 31 | | | 32 | | | 33 | 34 | | |
| 35 | | | | | | 36 | | | |
| 37 | | | | | 38 | | | | |

**Horizontale: 1** Ne ekzistas problemo de eksterlandanoj – sed problemo de Germanoj. **11** Imago de infera dio – bela flor' valora. **12** fermu poton per il' kaj dormu sub ĝi. **14** klasika bazo de komedi' kaj drama. **16** Ĝi estas komuna ĉe bankisto kaj apotekisto. **18** Post kripton' periode.
**19** Ornama malpuraĵo. **20** Tiu afer' malbona estis inter David kaj Goljat. **22** Hejma land' de Snorri Sturluson. **24** Kutime nur unuflanke de vagono en kalkaj lokoj.
**25** Greka nom' – frakcio de muzika skalindikilo. **28** Diminuigil'. **29** birdo kun longa bek', renkontebla en moralteologio. **31** Jeza hom', iam. **32** Tie la brunaj amikoj de ni jam solvis la lingvan problemon. **35** Parolant' nomata instruisto sed ne profesoro. **36** Transport' al ekstero. **37** Tik, tik, tik kaj bum! Kio estas tio?

**Vertikale: 1** Interŝanĝo de informoj. **2** Ne estas fratino de Heila en Azio. **3** Alia persono. **4** Maljunulo jarfine. **5** Tion vi ne vidas nek aŭdas. **6** Povas esti manĝaĵ', de rano aŭ porko. **7** Nombro de prageavoj. **8** grup' de pintoj por truoj. **9** L : X - IV. **10** Sciencisto pri enado kaj alcedo. **13** Tiaj estas certaj Hinduismaj libroj. **15** Aŭtosigno en D-33100. **17** Lima river' apud Eula kaj Sacro. **21** akcent' de malsaniĝo. **23** dispecigil'. **26** Nom' de kolbasa urbo. **27** Tia estas gnomo. **30** Se ne tiel, eble tiele. **32** Suspirson'. **33** Monda esprimaparto. **34** Alta mont'. **38** Antaŭnomo de moderna vestaĵo.

**Atentu!** Nia enigmo estas vere terura. La priskriboj ne estas rektaj klarigoj – foje ili estas eĉ misgvidaj. Tamen eblas eltrovi, se oni iom scias ĵongli en la cerbo.

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## AŬGUSTO

4 **Kunsido de Landa Ligo:** Preparado por la ekspozicio *Du und Deine Welt* (27.8.-4.9.)

11 *Wolfgang Löbel:* **Ferioj en Pollando**

13 *Studrondo* (somera paŭzo) - 17.00 astrarkunsido -

18 *Irmgard Karst:* **Vole novele** (Schwartz)

25 *Jiří Karen:* **El la propraj verkoj**

27 Komenco **DDW** *Studrondo* (somera paŭzo)

## SEPTEMBRO

1 **Vojaĝintoj rakontas**

8 *Hella Lanka:* **Diapozitivoj pri la Kongreso en Kiel**

10 14.00 Schnupperkurs *Studrondo* (somera paŭzo) - 17.00 astrarkunsido -

15 **Klubaj Aferoj**

22 *Benno Klehr:* **Romianoj kaj Araboj en Hispanio**

24 *Studrondo* (somera paŭzo)

29 *Frank Merla:* **Lingva kvizo**

# Esperanto-provleciono

**Sabaton, 10a de Septembro je la 14a horo en la Esperanto-Domo**

# Balt-Mara Renkontiĝo

9a ĝis 11a de Septembro 1994 en

**Stralsund**

kun kultura, natura kaj turisma programo. Pliaj informoj ĉe Hanneiore Brunow kaj en la Hamburga Esperanto-Domo.

# Kiu ŝatas kiun en Eŭropa Unio?

**La gazeto "The European" demandis EU-civitanojn: "Kiu lando estas laŭ via opinio via plej bona aliancano?" En tiu tabelo estas prezentitaj la preferoj de Eŭrop-Uniaj civitanoj en %.**

| Demanditoj | Belgio | Danio | Francio | Germanio | Britio | Grekio | Nederlando | Irlando | Italio | Luksemburgio | Portugalio | Hispanio | neniu | aliaj | sen respondo |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Britoj | 3 | 2 | 10 | 21 | - | <1 | 5 | 1 | <1 | 0 | 1 | 4 | 17 | 1 | 37 |
| Hispanoj | 1 | <1 | 11 | 16 | 3 | <1 | 1 | <1 | 6 | 0 | 3 | - | 11 | 5 | 40 |
| Portugaloj | 1 | 0 | 10 | 3 | 10 | <1 | <1 | 0 | 1 | 1 | - | 16 | 5 | 0 | 54 |
| Nederld. | 16 | 3 | 5 | 32 | 4 | <1 | - | 0 | 0 | 1 | 0 | 0 | 2 | 1 | 37 |
| Luksembg. | 27 | 1 | 13 | 21 | 1 | 0 | 2 | <1 | <1 | - | <1 | <1 | 2 | 2 | 33 |
| Italoj | <1 | <1 | 31 | 11 | 3 | <1 | 1 | 0 | - | <1 | 0 | 4 | 8 | 1 | 42 |
| Irlandanoj | 1 | 5 | 16 | 10 | 28 | 1 | 3 | - | 2 | 1 | <1 | 3 | 5 | 0 | 26 |
| Grekoj | <1 | <1 | 12 | <1 | 1 | - | <1 | <1 | 1 | <1 | 3 | 15 | 43 | 3 | 22 |
| Germanoj | 1 | 2 | 53 | - | 4 | <1 | 3 | 0 | 2 | 1 | 0 | <1 | 3 | 1 | 30 |
| Francoj | 5 | <1 | - | 57 | 5 | 0 | <1 | 0 | 1 | <1 | 1 | 2 | 3 | 1 | 25 |
| Danoj | 0 | - | 2 | 24 | 19 | 0 | 9 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 7 | 0 | 37 |
| Belgoj | - | 0 | 29 | 28 | 3 | 0 | 13 | 0 | 1 | 3 | 0 | 1 | 3 | 3 | 18 |
| EU-anoj | 2 | 1 | 22 | 19 | 3 | <1 | 2 | <1 | 1 | <1 | 1 | 2 | 9 | 2 | 34 |

## "Kauderwelsch Band 56 – Esperanto für Globetrotter"

de *Klaus Dahmann* kaj *Thomas Pusch*,
aperis 1991 ĉe Perer Rump Verlags- und Vertriebsges. mbH, Bielefeld,
ISBN 3-98416-246-5, 128 paĝoj, *GM* 14,80.

La serio de lingvolibroj de la ne-Esperantista eldonejo celas turistojn, kiuj ŝatas lingvan kontakton en eksterlando kaj löiveras la minimumon de informoj pri gramatiko, traduko laŭvorte kaj en bona germana, korpa lingvo, gestoj kaj kutimoj de la koncerna lando. En la priparolata unua eldono de la 56-a libreto de la serio skribiĝas, ke la serio ankoraŭ ne estas kompleta. Oni serĉas aŭtorojn por libroj pri la islanda, rumana kaj la malta lingvoj. Bone, ke Esperanto sukcesis eniĝi en la serion ĉifoje ne kiel lasta. Eĉ pli bone estas, ke ekzistas nova ekzemplo de presaĵo ekster la Esperantistaj eldonejoj. Interesitoj pri lingvoj povas havi la informon pri la ekzisto de Esperanto sen la altrudaj klopodoj de Esperantistoj.

La libro do estas bona varbilo por Esperanto jam pro tiu fakto. Ne nur tial ni prezentu ĝin en ĉiu ekspozicio de Esperanto. Krome ĝi havas allogan aspekton; cetere sen kvinpinta stelo, sed kun la "ovo", kiun ankaŭ uzas "Esperanto Hamburg". Fine la enhavo estas tre taŭga. Ĝi ne nur liveras minimumon de la gramatiko de Esperanto sed certe multe pli ol pri iu ajn nacia lingvo. La aŭtoroj asertas kapablon korespndi post la studado de la libro kaj tio ne estas troigo. Krome estas multaj helpoj por aliĝi al kaj paroli en Esperanto-renkontiĝoj. Eble estas bona ideo donaci la libron al ĉiu partopreninto de komenca Esperanto-kurso. Ja vere gravas, ke la komenculoj plej eble tuj post la kurso vizitu Esperanto-renkontiĝon por ligi ilin al la bona etoso de la movado kaj ĝia interkompreniĝa internacieca ideo.

Gravas la libro ankaŭ por Esperantistoj ĉu malpli, ĉu pli longjaraj. Ili aĉetu la libron ne nur pro kolektemo de Esperantaĵoj aŭ pro la fakto ke la aĉeto demonstras al la ekster-Esperantujo bezonon de pli da Esperanto-eldonaĵoj. Certe estos gajno tralabori ĝin kaj kontroli ĉu oni scipovas ĉiujn vortojn el la sciindaj bazaj vortoj. Kiel vi diras, se vi venis per trajno S 1 kaj buso 107 al la Esperanto-domo? Ĉu "ĉe Landwehr mi uzis la buson ĝis Burgstraße" aŭ "ĉe Landwehr mi enbusiĝis ĝis Burgstraße"? Kiun vorton vi uzas por "Erdnuß"? Ĉu ternukso aŭ arakido?

*Frank Merla*

# Galimatio

La Germanan vorton *Kauderwelsch* oni tradukas en Esperanton plej bone per ***galimatio.*** Laŭ PIV (kaj Zamenhof) ĝi signifas tion: "konfuzega, sensenca kaj tute ne komprenebla diraĵo aŭ skribaĵo". La vorto *Galimathias* fakte signifas "scio de koko" (el la Latina *gallus* = koko kaj la Greka *matheia* = scio). *Kokojn* oni nomis la disputantojn dum doktoriĝaj disertacioj en la universitato de Parizo en la 16a jarcento.
La Germana vorto *Kauderwelsch* ankaŭ havas interesan devenon:
Origine la vorto nomis la Reti-Romanĉan lingvon el la regiono de la urbo Chur, kiun la apudaj Germanlingvanoj ne komprenis. La Tirolanoj nomas la urbon Chur "Kauer"; La vorto *welsch* signifas "Romana" aŭ "Itala". El tiu *Kaurer Welsch* dum la jarcentoj fariĝis *Kauderwelsch* — kaj nun oni tiel nomas ĉian nekompreneblan lingvaĵon.

*Benno Klehr*




## Ekspozicio

**De la 27a de Aŭgusto ĝis la 4a de Septembro 1994 denove okazos la granda ekspozicio "Vi kaj Via Mondo" en Hamburg.**
La *Landa Ligo Hamburg de GEA* denove reprezentiĝos en tiu grava evento en la urbocentraj ekspoziciaj haloj.
**Helpo de multaj libervoluloj estas bezonata por konstrui kaj vivteni la standon dum pli ol 80 horoj!**
La planado de deĵortempoj okazos Ĵaŭdon, la 4a de Aŭgusto en la Esperanto-Domo.
Helpemulo povas anonciĝi ĉe:
*Bodo Schneider*, Tel: 58 71 82.

## GERMANA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO

**38a jarkunveno — 7a - 9a de Oktobro 1994 en Lübeck**

La kunven–kotizo por membroj de GEFA/IFEF estas *DM 20,–*
por ne–membroj *DM 23,–*
Tranoktado kostos inter *DM 62,–* (en dulita ĉambro) kaj *DM 95,–* (unulita).
Pliaj informoj ĉe *Klaus Böhnke, Matthäistraße 7, 23554 Lübeck*
aŭ en la Hamburga Esperanto–Domo.



## 1-a HaBaKuk

**Unua *Hamburga Bakado de Kukoj* — 21a ĝis 23a de Oktobro 1994**



***Hamburga Esperanto-Junularo*** invitas al semajnfina seminario pri teorio kaj praktiko de kuko-bakado en la *Hamburga Esperanto-Domo* (adreso sur p.2).
Komenco Vendrede per ***termin-konatiĝa vespero***.
Sabate: **Komuna aĉetado kaj bakado**.
Dimanĉe: **Komuna ĝuado, adiaŭo**.
**Aliĝu ĉe:** Hamburga Esperanto-Junularo
p/a Jürgen Wulff, Bornkamp 12, 22043 Hamburg,
Tel. 0 40 - 6 56 06 59